# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) kaj de „Blanka Kruco" (Internacia misio katolika)



Numero 5, 1922/23 — II. Kolekto 1922/23


# La fino de Europo?

La fino de Eŭropo? Ĉu ĝi venos? Ĉu ĝi jam ĉeestas? Pesimistaj profetoj azertas, ke ĝi estas minacanta; aliaj eĉ serioze diras: la fino de Eŭropo jam estas veninta. Kion ni pensu?

Sendube la nua situacio de Eŭropo estas plej danĝera, pli malĝoja, pli malluma ol dum la pasintaj jaroj de l' granda milito. La tiel nomita „paco" sendube nur estas preparo al la fina katostrofo, se ne en lasta momento la popoloj aŭ pli bone iliaj korblindigitaj gvidantoj komprenos la situacion kaj trovos la kuraĝon, diri la tutan kruelan veron al la naciaro kaj agadi laŭ tute novaj, tute aliaj, vere kristanaj principoj.

Jes la popoloj de Europo estas blindigitaj de oro. La teruraj konsekvencoj de l' senkrista m a t e r i a l i s m o, kiu dum la lastpasintoj tri centjaroj elradike senkristanigis la eŭropan kultursocion nun montras la plej kruelajn fruktojn: gvidantoj, mem blindigite per egoismo kaj ambicio, kondukas la blindajn popolojn al la plej terura katastrofo, kiun la homara historio vidis depost la kreviĝo de l' roma imperio.

Meditu ni sen antaŭjuĝo la veran kruelan situacion! En la oriento de Eŭropo la rusa giganto kuŝas sanganta el sennombraj vundoj. Tiu vastega teritorio, antaŭ la milito neelĉerpebla komerca fonto de nutraĵoj kaj krudproduktaĵoj kaj plej favora vendejo por ĉiuj okcidenteŭropaj industriproduktoj, ekonomie estas ruinigita dum multaj jaroj kaj granda parto de la malfeliĉega popolo formortas pro malsato kaj frosto — antaŭ la blindigitaj okuloj de la „civilizitaj, kristanaj" nacioj de Europo!! — Ĉu ne kolektiĝos en la koroj de tiu mizerega, senespera, senreligia popolo grandega amaso de malkaŝita kolerego, de bruta venĝemo, de profunda malestimo kontraŭ ĉi tiuj eŭropaj nacioj, kiuj sin disŝiras, dum grandaj nacioj senhelpe ruiniĝas? Se tiuj grandaj fortoj ekstaros en ĝusta momento; se ili trovos unu „K e m a l P a s c h a", la glorita liberanto de ĉiuj mohamedanoj? — —

Sed ni iru pli okcidenten: la baltikaj ŝtatoj, Polujo, Rumanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Aŭstrujo . . . ĉiuj tiaj ŝtatoj pli aŭ malpli ekonomie estas „rusigitaj" kaj laŭ politika vidpunkto la tuta granda teritorio de l' baltika maro ĝis Trieste kaj Konstantinopel estas balkanigita. Ni memoru la konflikton inter Litovujo kaj Polujo pri la lando de Vilno; ni memoru la problemon de orienta Galicio, kie malfeliĉa popolo batalas je sendependeco; ni memoru la krison en Ĉehoslovakujo, kie parto de la slovakoj alceladas pli grandan aŭtonomion; ni memoru la problemon de Grekio kaj Tracio, la ruino de Austrujo, la anarhion de „faŝistoj" en Italujo . . . Ĉu mi ne estas prava, ke Eŭropo de l' egea gis la baltika maro estas „balkanigita". Unu bombo kaj la tuta pulvorobarelo povas terure eksplodi . . .

Sed ni iru pli okcidenten: G e r m a n u j o. En tiu momento ni vidas la ekonomian katastrofon de tiu grauda, loborema kaj industria ŝtato en la koro de Eŭropo. La unu granda kolono de la tuteŭropa ekonomio, Rusujo, rompiĝis antaŭ pluraj jaroj. Ĉu nun la dua sekvos? Kiu estas la tria? Kiuj estos la kruelaj komekvencoj por la aliaj eŭropaj kaj ekstereŭropaj ŝtatoj? La armeoj de la senlaboruloj plimultiĝos, la malsato kaj la mizero tramigros la industriajn centrojn! Kiuj estos la konsekvencoj? —

Nenia povas esti dubo; l a e k o n o m i a k a t a s t r o f o n u n s t a r a s m i n a c a n t e j e l a l i m o j d e l' R h e j n f l u o. Jam la okcidentaj valutoj en Belgujo kaj Francujo ŝanceliĝas. Se oni ne povas trovi rimedojn en lasta momento, sendube — sen esti profeto, tion oni povas antaŭvidi — la ekonomia katastrofo trapaŝos la Rhejnon kaj la tria kolono en la ekonomia konstruaĵo disrompiĝos. Kiuj tiam ankoraŭ restos?

Intertempe, dum la blindigitaj popoloj de Eŭropo sin ruinigas en disunuiĝo, la m a l p r o k s i m a o r i e n t o brulas. Gigantaj fortoj, antaŭpuŝitaj de religia kaj revoluciema fanatismo, ekstaras kaj la „grandaj" fortoj de l' okcidento tremblas. Jam depost multaj centjaroj oni ne plu vidis tiel malĝojegan teatraĵon ol nun en la oriento. Ĉiu Europano hodiaŭ scias, ke k r i s t a n a j eŭropaj statoj subtenis la nacionalistajn Mohamedanojn per armiloj kaj oficiroj, tie ke la batalo fakte nur estis milito inter eŭropaj ŝtatoj!! Kaj la konsekvenco? Multe da kristanaj loĝantoj estis mortigitaj kaj forpelitaj, ne nur en la teritorioj de l' milito, sed en la tuta turka ŝtato. Ekzemple la malfeliĉa a r m e n i a popolo nun tute estas forpelita kaj neniigita kaj neniu „kristana" ŝtato movas eĉ nur fingron por savi la malgrandan restaĵon, liverita al kruelega martira morto. Ĉu ni miru, se tiuj popoloj malestimas la fierajn, sed senpovajn kaj disunuigitajn naciojn de Eŭropo!

Alia pli danĝera konsekvenco de l' turka venko tamen estas la reviviĝo de l' n a c i o n a l i s m o kaj m i l i t a r i s m o en la tuta oriento. Laŭ tute fidindaj sciigoj la propagandistoj senditaj per la k e m e n a l i s t o j kaj b o l ŝ e v i s t o j, tramigras la landojn de Epipto ĝis Ĉinio predikanta la malamon, la venĝemon . . . La konvinko estas ĝenerala inter la servigitaj nacioj de l' oriento, ke nur la kruela perforto, la revolucio kontraŭ la Eŭropanoj alportos liberecon kaj pli bonajn vivkondiĉojn. Estas fakto: l a o r i e n t o e k v i g l i ĝ a s. Grandaj fortoj, ĝis nun dormantoj en meditema trankvileco, ekvigliĝas kaj ekstaras, dum la malfeliĉa Eŭropo de tago al tago malplifortiĝas kaj estiĝas la malestimo de ĉiuj aliaj popoloj!

Ĉu la fino de Eŭropo venis? Jes, laŭ kelkaj vidpunktoj ĝi jam ĉeestas kaj se oni ne en lasta momento retrovos la kunhelpeman spiriton de justeco, de konfido, de racio, la fina katastrofo estas neevitebla. Eble oni demandus je la profundaj kialoj de tiu plorinda situacio. Ho, la kaŭzo ne estas la milito, ne la revolucio, ne la bolŝevismo! Tute ne! La kaŭzo estas pli profunda: la eŭropaj nacioj forlasis Dion kaj eklezion kaj komencis adori la o r o n kaj la „ŝtaton" (etatismo). Pro tio Dio blindigis iliajn okulojn kaj malmoligis iliajn korojn kaj ili mortigis unuj la aliajn kaj avide ĉasante je la riĉaĵoj de l'

## Kie estas amo, tie estas ankaŭ Dio.

**Rankonto de Leo Tolstoj. (Fino.)**

Dum ŝi ordigas la sakon, stratbubo kun ĉifona ĉapo pasas la vojon, prenas pomon el la korbo kaj volas forkuri. Sed la maljunino rimarkinte tion ekkaptas la bubon ĉe la maniko. Tiu batas per la manoj kaj volas sin forŝiri, sed la maljunino firme lin tenas per ambaŭ manoj, forbatas la ĉapon de lia kapo kaj tiras lin per la haroj. La bubo krias, la maljunino malbenas. Avdejiĉ eĉ ne havas tempon, por enpuŝi la alenon en la tablon: ĵetinte ĝin sur la plankon, li saltas el la pordo. Sur la ŝtuparo li faletas kaj perdas la okulvitrojn. Kiam li kurante venis sur la straton, la maljunino, kaptinte lin, ĉe la hartufo, skuas la bubon, malbenas kaj volas konduki lin al la policano; la bubo defendas sin kaj neas ĉion.

„Mi prenis nenion," diras li, „kial vi batas min?"

Avdejiĉ disigas ilin, prenas la bubon ĉe la mano kaj diras:

„Forlasu lin, avino, pardonu al li pro Kristo!"

„Mi pardonos tiel, ke li memoros pri ĝi ĝis la venonta batpuno. Al la policejon mi kondukos la ŝtelintaĉon.

Avdejiĉ komencis peti la maljuninon.

„Lasu lin," li diris, „avino, li neniam faros ĝin denove. Lasu lin, pro Kristo."

La maljunino forlasis la bubon; tiu volis forkuri, sed Avdejiĉ retenis lin.

„Petu la avinon je pardono," li diris, „kaj neniam faru ĝin denove. Mi ja mem vidis, ke vi prenis la pomon."

La bubo ekploris kaj elpetis pardonon.

„Guste, ĝuste, nun vi havos la pomon."

Avdejiĉ prenis pomon el la korbo kaj donis ĝin al la bubo.

„Mi pagos ĝin, avino," li diris al la maljunino.

„Tiel vi malbonigas tiujn netaŭgulojn," diris la maljunino. „Lin oni devas rekompenci tiel, ke li ne povas sidiĝi bone dum semajno."

„Ho, avino, avino!" diris Avdejiĉ. „Tiel pensas la homoj, sed ĉe Dio ne estas tiel. Se oni volus tiel punegi la bubon pro pomo, kiom do Dio devus bati nin pro niaj pekoj?"

La maljunino silentis.

Kaj Avdejiĉ rakontis al la maljunino la alegorion, kiel la Sinjoro liberigis la serviston de la tuta ŝuldo kaj kiel la servisto iris kaj eksufokigis sian ŝuldanton. La maljunino aŭskultis al li, kaj ankaŭ la bubo aŭskultis.

„Dio ordonis pardoni al ĉiuj," diris Avdejiĉ, „alie ankaŭ al ni ne fariĝos pardono. Al ĉiuj ni devas pardoni, kaj al pentemulo des pli volonte."

La maljunino skuis la kapon kaj ekĝemis.

„Jes, ŝajne estas tiel," ŝi diris, „sed ili estas iom tro petolaj."

„Tial ni du gemaljunuloj devas instrui ilin," diris Avdejiĉ.

„Ankaŭ mi pensas tiel," diris la maljunino. „Mi mem havis sep da ili, kaj nur unu filino restis al mi."

Kaj la maljunino komencis rakonti, kie kaj kiel ŝi loĝas ĉe sia filino kaj kiom da nepoj ŝi havas.

„Multe da forto mi ne plu havas," diris ŝi, „sed tamen mi laboras. La malgrandajn nepojn mi bedaŭras, kaj efektive ili estas tiom ĉarmetaj infanoj. Neniu estas tiel bonkora al mi, kiel ili. Aksjutko iras al neniu alia homo. Sed kiam ŝi vidas min, ŝi tuj krias: „Avino, kara avino, ĉarma avino . . .!" Kaj la maljunino iĝis tute molanima. „Infanoj ja estas infanoj. Iru li en la nomo de Dio . . .!" diris ŝi, montrante al la bubo.

Kiam la maljunino volis levi la sakon sur la ŝultron, la bubo alsaltis dirante:

„Lasu min porti ĝin, avino, mi havos la saman vojon!"

La maljunino skuis la kapon kaj ŝarĝis la sakon sur la bubon.

Kaj ili iris flanko ĉe flanko sur la strato, kaj la maljunino tute forgesis, postuli de Avdejiĉ la monon por la pomo. Avdejiĉ staris ankoraŭ tie kaj, postrigardante al ili, aŭdis, kiel ili daŭre interparolis.

Post kiam li ilin akompanis per la rigardo, li revenis al si. Li trovis la okulvitrojn sur la ŝtuparo — ili eĉ ne disrompiĝis —, relevis la alenon kaj residiĝis sin al la laboro. Li estis laborinta nur malmulte, kiam komenciĝis malheliĝi, tiel ke li ne plu povis tratiri la haregojn. „Ankaŭ mi certe devas lumigi," li diris al si. Li ekbruligis lampeton kaj, pendiginte ĝin, daŭris labori. Unu boton li tute finis. Li turnis ĝin tien kaj tien ĉi kaj rigardis ĝin de ĉiuj direktoj: ĝi estis bona. Li kunemetis sian ilaron, forbalais la ledorestaĵojn de la tablo, formetis la haregojn, metalfadenojn kaj alenojn, metis la lampon sur la tablon kaj prenis la evangelion de la breto.

Li volis ĝin malfermi ĉe la loko, kie hieraŭ li enmetis pecon da marokana ledo, sed la libro malfermiĝis aliloke. Kaj kiam li malfermas la libron, li reekmemoras pri la hieraŭa songo. Kaj kiam li ekmemoras pri la songo, li subite aŭdas post si bruon kvazaŭ de paŝoj. Avdejiĉ turnas sin kaj vidas: tie fakte staras homoj, en la malhela angulo staras homoj, kaj li ne povas ekrimarki, kiuj ili estas. Kaj voĉo diretas en lian orelon:

„Marteno! Marteno! Ĉu vi ne ekkonis min?"

„Kiun?" demandis Avdejiĉ.

„Min," diris la voĉo. „Estas ja mi."

Kaj el la malluma angulo elvenis Stepaniĉ. Li ridetis kaj disiĝis kiel nubo kaj ne plu estis . . .

„Ankaŭ mi estas tie," diris alia voĉo.

Kaj el la malhela angulo elpaŝis la virino kun la infano, kaj la virino ridetis kaj la infano ridis kaj ankaŭ ili malaperis. Kaj Avdejiĉ fariĝis tiel ĝoja en la animo, li krucosignis sin kaj, surnaziginte la okulvitrojn, komencis legi en la evangelio, kie li malfermis ĝin. Supre sur la paĝo li legis:

„Ĉar mi malsatis, kaj vi donis al mi manĝi; mi soifis, kaj vi donis al mi trinki, mi estis fremda, kaj vi gastigis min . . ."

Kaj sube sur la paĝo li legis:

„Kiugrade vi faris tion al unu el ĉi tiuj miaj plej malgrandaj fratoj, tiugrade vi faris tion al mi" (Mateo 25).

Kaj Avdejiĉ komprenis, ke la songo ne trompis lin, ke lia Savinto je tiu ĉi tago estis veninta al li, kaj ke li efektive akceptis lin.

mondo, ili perdis ĉion: Dion, amon, pacon, intelekton, riĉajojn. . . Jes la katastrofo de Eŭropo estas la laŭtega prediko de la kolera Dio. Ĉu la nacioj de Eŭropo komprenos tiun ĉi voĉon? Kasparo Mayr.

## La ekvigliĝo de la negroj en Afriko.

Dum la lastaj tagoj de aŭgusto okazis en Bruselo tutafrika kongreso de ĉiuj servigitaj gentoj. La granda milito, kiu multe da negroj kondukis Eŭropon, sendube havas grandan signifon por la plua evoluo de la ekvigliĝantaj gentoj de Afriko. Unu el la tieaj oratoroj donis jenan sendube interesegan perspektivon por l' estonto:

„La momento estas veninta, kiam la 40 milionoj da negroj devas postuli Afrikon por si mem. Do tie ne plu temas pri tio, ke ni demandu Anglujon, Francujon, Belgujon: „Kial vi estas ĉi tie (en Afriko)?“ Sed ni devos al ili doni la ordonon, ke ili foriru! La plej sanga milito venos. Kiam la Eŭropanoj uzos siajn fortojn kontraŭ Asio, tiam venos por la negroj la glora tago, ekpreni la armilojn por la liberigo de Afriko.

Kiu gajnis la militon? La sango de la negroj sur la militkampoj de la blankoj. Se ne la negroj estus batalintaj, hodiaŭ la imperiestro (la germana) troviĝus en Bukkingham — palaco (!!). Vi tamen scias, kiu estis la danko de la blankoj. Ili eĉ ne donis al ni voĉon dum la paca konferenco. Ni mokas pri la fieraj, malsaĝaj blankoj kaj diras: Ĉar ni estis sufiĉe taŭgaj, esti mortigitaj sur la militkampoj de Eŭropo por gajnigi al niaj instruistoj la militon, ili almenaŭ devus doni la liberecon, por kiu (laŭ ilia pretendo) ili sin mortigis reciproke. Sed ni ankaŭ lernis mortigi la aliojn kaj mi demandos vin, karaj amikoj, kio okazos, kiam ni komencos batali por nia liberigo?“ — — —

Jes, la „blankaj“, kristanaj nacioj terure edukis la negrojn. Anstataŭ ilin kristanigi, ili instruis la malamon kaj mortigon! Sed la tago de l' venĝo venos! Argus.

## La internacia junula movado.

### I. La proletara junula movado.

a) la socialista.

(daŭrigo)

Se ni rezumas ĝis la milito la rezultaton de la farita laboro de la socialista junula internacio, ni devas konstati, ke ĝi estas ĝojiga. En multaj landoj, kie ankoraŭ ne ekzistis socialistaj junulaj organizoj oni fondis tiajn kaj la ideo de socialista junula movado enradikiĝis en tri mondpartoj. Kune kun 21 landoj, 300 000 junuloj estas aliĝintaj al la socialista junula internacio.

La internacia junula oficejo, kiu estis ĝis nun en Vieno, pro la eksplodo de la milito ne povis plu esti direktata de tie; oni decidis translokigi Stockholmon. Pro tio nova epoko estiĝis en la internacia socialista movado. Car precipe la skandinavaj landoj apartenis al tiu direkto, kiu unuavice akcentis la politikan batalon. La svisa junula organizo kelkfoje klopodis, restarigi la disigitan interligon. Ĝi aranĝis dum pasko 1915 en Berno (Svisujo) internacian konferencon por pritrakti la plej gravajn demandojn. Ĉeestis nur delegitoj el neŭtralaj landoj, Francujo kaj Germanujo entute rifuzis partoprenadon. La praktika rezultato de la konferenco estis, ke oni ekkonis, ke paperaj decidoj sole ne sufiĉas. Oni decidis i. a. la realigon de internacia junula tago, la kreon de internacia socialista junula gazeto. Plue oni nove organizis la socialistan junulan internacion. La internacian junulan oficejon oni provisore transmetis Zuriĥon. Gvidanto de la sekretariejo fariĝis W. Münzenberg (nuna gvidanto de la komunista junula internacio). Münzenberg skribas mem en sia libro „kun ĝi komencas la tempo de propraj politikaj bataloj kaj agadoj“.

La novefondita sekretariejo sukcesis interligi ĉiujn dum la milito ekzistantajn socialistajn junulajn organizojn. En 1915 jam 18 junulaj organizoj donis ilian principan konsenton al la Bernaj decidoj. La sekretariejo ankaŭ eldonis propran gazeton. „La junula internacio“ de kiu aperis 11 numeroj dum la milito. Tiu gazeto tamen pli poste estis malpermesita de Svisujo per la registaro.

Ĉiujare okazis internacia junula tago, la unua la 3an de Oktobro 1915. La sekretariejo ankaŭ okazigis tielnomatajn „oficejajn kunsidojn“, en kiuj estis pritraktataj la plej gravaj aferoj de la internacio. La unua kunsido okazis en februaro 1916 en Zuriĥo. La dua kunsido okazis la 19an — 20an de majo 1917 en Stockholmo. En tiu kunsido estis detale priparolita la aranĝo de internacia junula kongreso, la eldono de internacia insigno, la realigo de la tria internacia junula tago. La plej grava punkto de la tagordo estis: „Nia pozicio en politika rilato en la internacio“. Estis akceptata jena resolucio: „Devas esti tasko de la socialistaj junulaj organizoj, agadi kiel kompletiga elemento en la ĝenerala laborista movado, ekbruligi konstante la ardojn de l' revolucia batalo ktp“.

La socialista junula internacio do esprime estas deklarata kiel memstara politika movado. Estas klare, ke tiu deklaro kaŭzis malkontenton ĉe diversaj organizoj. H. Sappl.

(Daŭrigota.)

## Opera de Cardinal Ferrari.

### Granda religia kaj socia instituto en Milano.*)

Gesinjoroj.

Mia temo estas unu el la plej gravaj de ĉiuj, kiujn vi jam pritraktis. Car tie ĉi temas pri la savo de l' animoj, pri la iloj por realproksimigi la popolamasojn al l' eklezio.

Multe da tiucelaj iloj ekzistas; sed ĉiujn oni povas resumi en la ekzemplo, kiun nia Savinto donis dum sia surtera vivo: ami, gajni la animojn, ilin altiri per mildeco, gajeco, boneco; ilin bonfari, resanigi la vundojn, doni panon, laboron, kuraĝon, amon!

Lia kardinala Moŝto Ferrari donis al ni l' ideon de entrepreno, kiu devas daŭrigi en la socio tiun ĉi spiriton de boneco, tiun ĉi volon, trovi ĉie la bonajn fontojn, por ke la religia sento, la spirito vere katolika restu kaj revenu al la popolo kaj reestiĝu kiel en la mezepoko viva sento de Kristo.

Ĉu estas permesata, karaj gefratoj, simple, tamen sincere diri, ke ni, por retrovi la socian pacon, por konduki la animojn al Dio, por ke reĝu sur tero la spirito de kredemo, la spirito de paco, precipe bezonas apostolojn, animojn kiuj sin oferas, kiuj vivas por tiu celo, kiuj estas en la mondo sen havi la spiriton de l' mondo?

Sed por atingi tiun celon, ni devas imiti la apostolojn en ilia sindediĉo, tio diras, esti preta oferi ĉion, forlasi ĉion, por tute sin ĵeti en ĉi tiun laboron. Ne estas necese, ke oni sin vestu per sankta vestaĵo, ke oni portu la pastran karakteron: la ĉefaĵo estas havi la spiriton. Oni devas trapenetri ĝis la animoj, faciligante la korpajn malbonaĵojn per ĉiuj taŭgaj iloj.

En Milano ekzistas granda instituto, kiu alceladas la revenon al socia paco, la revenon de la popolamasoj al la religio, la triumfon de l' reĝo de Kristo. Kiam finiĝis la granda milito, sankta animo, tiu de Kardinalo Ferrari, komencis rekonstrui la domaĝojn de l' animoj kaj korpoj, de l' individuo, de la familio per organizita helpservo, direktata kaj animata per nova religia komunumo.*) Nia granda domo estas la unua; sed ni volas, ke multaj aliaj naskiĝu en tuta Italio, eĉ en tuta mondo: tio estas la granda deziro de niaj animoj.

Nia komunumo estas dividita en jenaj tri grupoj: junuloj, fraŭlinoj, pastroj. Ĉiu havas sian specialan laboron, por kiu li estas responda; la tuta laboro estas direktata de unuiga spirito, kiu alceladas la harmonian kunagadon kun aliaj organizoj.

Nia komunumo, tiu unuiĝo de pluraj personoj kun sama celo: rekatolikigi la socion, estas laŭ mia opinio noblanima institucio, submetita al la protekto de sankta Paŭlo, kies apostolan spiriton ni volas imiti: estiĝi ĉio al ĉiuj por ilin altiri al Kristo.

En nia domo ni organizas la disvastigon de sciencoj, de plej novaj eltrovoj, aranĝante publikajn konferencojn popolajn. La eniro estas libera kaj senkosta por ĉiuj; oni ne demandas, ĉu la ĉeestanto estas membro de tiu or alia partio; nenia alia kondiĉo ekzistas ol tiu, sin konduti laŭ la komunaj reguloj de l' honesteco.

Laboristo perdinte san postenon au volante ĝin plibonigi, povas sin turni al nia helpoficejo; kiam li estas malsana aŭ lacigita, nia ambulanco ĉiam estas malfermata. Plue la popolo ĉe ni oftege bezonas informojn kaj konsilojn de kompetenta persono en multaj cirkonstancoj: por ŝanĝi la loĝejon, sin havigi pasporton, solvi komplikan proceson ktp.

Por tiu celo nia komunumo fondis helpsekretariejon por la popolo, kie ĉiuj trovas konfidindajn kaj servemajn personojn kompetentajn.

„La popolo havas samtempe deziron je amuzaj malaciĝo; tial ni kreis teatron, kie oni trifoje po semajno ludas bonmoralajn teatraĵojn.

Dum la monato de majo ni solene festis la gloron de la sankta Virgino. En grandega parko ni kunvokis la popolon antaŭ statuo de sankta Virgino. Kia ĝojo, kiam la nenombrebla amaso, altirata por la tuŝanta parolado de bona oratoro, ĉeestis ne nur la predikon, sed ankaŭ la solenan benon!

La granda utilo de niaj entreprenoj estas precipe en tio, ke ĉiuj — estante en unu sama domo, sin sub-

*) Tiu grava raporto estis verkita por la Luksemburga kongreso; malfeliĉe la verkistino, Fino Mistrali, Opera di Cardinale Ferrari, Milano, ne povis ĝustatempe veni Luksemburgon; tial ni publikigas la raporton en K. M.

*) La komunumo de C. Ferrari en multaj vidpunktoj tute similas al Blanka Kruco (Interna Misio), kiu samtempe, tamen sendepende naskiĝis. La amika interrilato inter la du entreprenoj lasas esperi pli poste fruktan kunagadon.

## La Katolika misio en Rusujo.

Originala artikolo de Sro Terseglaw, Lubljana.

(Daŭrigo.)

Kiu en tiu ĉi oficiala rusa eklezio kiu fakte ne estis gvidata de pastro, sed de laiko, sin montris en ekstera oficiala vivo, ne estis religio, sed nur ŝajnode religio, servemeco, intencita menzogo, ofte eĉ volita ŝajno de l' kristanismo, kiel Dostojevski tion majstre priskribas en la „fratoj de Keromasov“, kie li volis desegni la katolikan eklezion (kiun li ne konis), fakte tamen tiel laŭvere trafis la pravoslavan eklezion, kiel neniu antaŭ aŭ post li.

Kiel veran kristanismon oni konsideris la senton de senvola servemeco, de ekstera ŝajno de indeco kaj legaleco, de la forigo de ĉiu propra volo. Ĉu estas mirinde, se sub ĉi tiu ekstera legaleco sin kaŝis la plej plorinda senmoraleco? La amasoj ne estis edukitaj aŭ plibonigitaj per la oficiala eklezio. La morala mizero de rusa popolo, nuntempe kunigita kun plej terura fizika malfeliĉo, estas vere kordisŝiranta. Ĉiujn noblajn sentojn oni neniigis intence, tiel ke ĝi devis sin liberigi per kruelega, terura revolucio. Eble tio ŝajnas paradoksa, tamen estas fakto; ĉar la tiel nomita eklezio ne estis „eklezio“, sed ŝtata ministraro. Ĉiu bono vivis ekstere de ĝi.

* * *

El tiuj ĉi klarigoj jam sufiĉe rezultas, kiel malfacila estos la tasko de tiuj, kiuj estonte prenos sur sin la edukadon de l' rusa popolo al vere kristanoreligia spirito. Oftege ni miris, ke la ekstera rusa eklezio ne rompiĝis samtempe kun la faligo de l' cesaropapismo. Ĉar ni neniam povis aprobi la konvinkon de tiuj, kiuj opiniis, ke renoviĝo de l' malnova ŝtateklezio kun episkopoj edukitaj ankoraŭ sub cara reĝimo, sen vere kristana pastraro, sen taŭgaj seminarioj, estus ebla. Se tamen la popolo ne tuj forlasis l' eklezion, la kialo estas la liturgio, kiu estis la unika edukistino de la rusa religia animo kaj ĉe la rusoj havas multe pli grandan influon ol ĉe ni. Tiun liturgion la malnova eklezio konservadis: eble la unika valora bonaĵo, kiu restis de la tuta religia vivo.

Eble ni vidos en Rusujo anstataŭ „reformacio en kapo kaj membroj“ „reformacion“ (en protestanta senco). Sendube io devas okazi. Kaj laŭ la plej novaj informoj, se estas eble ilin kritike prijuĝi, fakte ekkomencis iuspeca reformo, au pli bone reformacio, kiu signifas protestantigon de la rusa eklezio.

Laŭ mia opinio tiu ĉi reformacia movado estos multe pli radikala, ĉar la rusoj ĉiam preferas la plej grandajn ekstremojn, la neorganizitan, la ĥaoson. Ni ne volas esprimi definitivan juĝon, ni nur volas jene resumi nian opinion: la malnova, postcara, patriarka eklezio havos grandajn revoluciojn kaj ni vidos grandan dissolvon de tiu eklezio.

* * *

Kia nun estos la tasko de la katolikoj? Koncerne la malnovan eklezion oni apenaŭ povos esperi iun sukceson. Ĉiuj episkopoj de tiu eklezio, el kiuj mi persone konas multajn, estas malamikoj de la katolika eklezio; cetere post kelke da tempo preskaŭ neniu plu estos en sia episkopa seĝo, se ne iu kontraŭbolŝevista potenco venkos. L' episkoj de tiu ĉi postcara eklezio estas monaĥoj, tute nesciaj pri la moderna tempo kaj fremdaj al la popolo kiel al vilaĝa pastraro. Pro tio ili vivas tute en la bizantina tradicio, parte ili reprezentas la konatan tipon de la pastra akademio, kiuj la senedzecon nur elektis por episkopiĝi; aliaj certe havas tre bonajn intencojn, sed ili estas, senenergiaj, malkapablaj je iuspera organizado, fantaziuloj kiel granda parto de la rusaj intelektuloj.

Pri la reforma eklezio, kiu ekkaptis la potencon en la plej supera direktado de l' eklezio, ni scias tro malmulte; tial ni ne povas juĝi pri ĝia rilato al katolika eklezio. La ĉefestro, Antomis, apartenas al la mistika movado de Rosánov, movado, kiun ni en okcidento malfacile komprenos. Ankaŭ ĉi tie ĉio estos sennezura, ĥaosa plena de plej grandaj kontraŭdiroj. Ŝajne la reformuloj volas restarigi „prakristan“ eklezion. Sed certe ĝi defendas la liberecon de l' konscienco, la toleremecon, la altanimecon, kion oni ne povas azerti pri la malnova bizantina eklezio; ĉar tiu lasta estas ankoraŭ la sama kiel en la tagoj de Iván, Alekséj kaj Peter.

Do laŭ mia opinio la situacio por la katolikoj estas pli favora meze de tiu ĉi ĝenerala dissolviĝo ol antaŭ la revolucio. Certe la reformaciema eklezio nuntempe estas samgrade fremda al la katolikismo kiel la malnova, tradicia pravoslava eklezio. Tamen estas tiu diferenco, ke la lasta estas maltolerema, malgrandanima. La dissolviĝo sendube kaŭzos grandan revolucion relegian inter la intelektuloj kaj la popolamasoj, iuspecan spiritan katastrofon, kiu povas direktiĝi al bono. Restas la demando, ĉu ni kapablos ion fari en ĉi tiu dissolviĝa proceso.

La unua kaj eble plej facila tasko estus laŭ mia opinio organizita agado inter la elmigrintaj rusaj intelektuloj, disvastigitaj en la tuta mondo. Eble estus utile, kolekti materialon pri tio, kion ni katolikoj faris por la rusaj elmigrantuloj en la apartaj ŝtatoj kaj pri la rezultoj koncerne la alproksimiĝon de la du konfesioj. Sendube ni devus konstati, ke ni faris tro malmulte kaj ke mankas al ni unueca agada programo. Rimarkinde estos precipe, ke la ĉefestro de la rusa eklezio por elmigrantuloj, la konata kontraŭkatolikulo, Antonio Hrapoovickij el Volinio, loĝanta nuntempe en Jugoslavio, jam preparis agadon kontraŭ ebla konvertiga laboro de la katolikoj: nova pruvo por la maltolerema spirito de l' malnova eklezio.

tenas reciproke; ne ekzistas perdo de tempo kaj la plej komplikaj agadoj progresas rapidege.

Plue ni havas grandan bibliotekon, salonon por legado, lernejon por maŝinskribado, por stenografio, kursojn por oficistoj, por instruistinoj, por sekretarioj ktp.

Ĉiam ni estas atentemaj. Tuj kiam iu instituto ŝajnas necesa, ni pristudas kaj kuraĝe realigas ĝin: kaj tio estas la sekreto de nia sukceso.

La nuna jaro estas remarkinda ĉe ni kaŭze de l' senlaboreco ĝenerala. Multe da personoj venis en nian sekretariejon demandante, kiel ili gajnu panon por siaj familioj. Ni malfermis por ili lernejon, sendube unika en sia speco: la lernejon por la senlaboruloj. Ni kompletigis iliajn kapablecojn, instruante ilin en angla, germana, itala lingvoj, en stenografio ktp: kaj ili pli facile trovis novan postenon.

Se oni pripensas, ke ĉiuj niaj lernejoj aranĝas specialan religian kurson, pri kiu oni ekzamenas je la fino, oni vidas la religian influon de niaj lernejoj.

Alia granda celo estas la renovigo de la gazetaro. Pro tiu celo ni kreis presejon, kiu publikigas gazetojn kaj librojn, subtenas l' eldonon de novaj verkoj, purigas la gazetaron.

Estas nia konvinko, ke oni al la popolo ne povas paroli en pure spirita lingvo. Oni devas ĝin altiri por la karito; tia estas la metodo de nia Savinte kaj de niaj misiistoj. Plue ni forigis antaŭjuĝon: multe da katolikaj organizoj bonfaris nur al membroj de certaj katolikaj asocioj. Sendube tiu metodo plimultigis la anaron de la koncernaj organizoj, sed ĝi malutilis multajn animojn, kiuj ne ankoraŭ trovis la kuraĝon partopreni je katolika agado. Ni akceptas ĉiujn; nia karito estas, por tiel diri, blinda, kiel sankta Benedikto ĝin volis. Ekzemple ni ebligas dumtagmeze en nia oficejo ripozon al pli de mil da laboristoj malriĉaj: tie troviĝas ĉarpentistoj, lignaĵistoj, seruristoj ktp: ni profitas de tiu okazo, zorgante pri iliaj animoj.

Msro Pothier, vizitante nian domon, esprimis la konvinkon, ke nia entrepreno jam nun estas la plej granda socia instituto en Eŭropo. Sendube li estas kompetenta aŭtoritato.

Ke la bona Dio nin helpu, por ke ni realigu la grandajn projektojn, kiujn vi nun konas. Se ĉiuj kristanoj de plej diversaj ŝtatoj, kiuj estas reprezentataj ĉi tie, estas unuigitaj en penso kaj amo, oni povos realigi ĉi tiun grandan deziron je la viva Dia regno surtera.

Esperu ni en la amo! La ligo Internacio Katolika realigas tiun ĉi grandan revon de frateco, kiun l' Evangelio nin instruas!

Fino Mistrali, Opera di C. Ferrari, Milano.

## Internacia kunlaborado de la katolikaj komercistoj.

Tuj post la kreo de Internacio Katolika mi konvinkiĝis, ke la katolikaj komercistoj, kiuj havas rilatojn kun ĉiuj landoj, ne devas manki en la Ikamovado. Malfeliĉe mi devis konstati je la Luksemburga Kongreso, ke ne multe da komercistoj tie partoprenis. Tamen la katolika komercistaro havas la gravan taskon kunhelpi en la universala katolika movado.

Laŭ mia opinio la unua tasko estus, ke oni kunigu la katolikajn komercistojn al apartŝtatoj naciaj unuiĝoj, kiel tia organizo en Germanujo jam ekzistas depost 40 jaroj sub la nomo „katolika komercista unuiĝo" (Kath. Kaufmännischer Verein, KKV). En tiu modela asocio la fabrikistoj, la komercistoj kaj la oficistoj unuece estas kunligitaj kun jena komuna programo:

1. defendo de l' kristanismo en la publika vivo;
2. defendo de la ŝtatinteresoj laŭ la principoj de kristana solidareco;
3. plibonigo de l' ekonomia kaj kultura situacio de l' anaro
   a) per ekonomiaj institucioj, ekonomia servo, katolikaj bankoj („Hansa"-bankoj);
   b) per edukaj taskoj;
   c) per helpinstitucioj.

Por la junuloj ekzistas specialaj sektioj, ili aliĝas tuj post la foriro el la lernejoj kaj partoprenas je ĉiuj bonfaraj institucioj de l' unuiĝo. Imitindaj estas precipe la helpinstitucioj: la subtenaj kasoj por senlaboruloj, malsanuloj, por vidvinoj ktp.

Tre utila kaj praktika institucio estas la tiel nomita ekonomia helpservo („Wirtschaftsdienst"), kiu havas la celon, realigi vivajn komercajn interrilatojn inter la membroj de l' unuiĝo, t. e. inter la vere katolikaj komercistoj. Oni destinas pro tiu celo en ĉiu provinco aŭ pli granda urbo (enlanda kaj eksterlanda) fidindan delegiton („Vertrauensman"), kiu subtenas la interesojn de la katolikaj komercistoj, donas informojn, peradas mendojn ktp. Krom tio en aparta gazeto oni anoncas la produktaĵojn de la apartaj firmoj, la liberajn postenojn, la membrojn, kiuj serĉas oficojn ktp. Sendube tiu ekonomia helpservo facile povus esti disvastigata internacie. Ekzemple K. M. devus estiĝi la internacia anoncilo de la katolikaj komercistoj; ĝi povus publikigi la katolikajn firmojn, oficistojn, kiuj serĉas postenojn, la liston de fidindoj komercistaj delegitoj ĉiulandoj. Oni devos ĉie fondi katolikajn bankojn aŭ filiojn de katolikaj bankoj, kiuj inter si povus formi ringon de katolikaj bankoj. Kiu forto estus tiel organizita katolika komercistaro! Sendube la katolikaj komercistoj estus vokataj realigi grandajn taskojn en la internacia kunvivo de la nacioj. Do komencu ni la laboron! Je la sekvonta kongreso de Ika ankaŭ la katolikaj komercistoj devas havi indan reprezentaron! Al agado!

Ĉiujn informojn donas KKV, Essen, Ruttenscheiderplatz, Germanujo aŭ Ika, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo aŭ la subskribinta.

Ewald Solbach, Solingen.
Victoriastr. 147.

---

Rilate al la popolmasoj en Rusujo mem, la problemo estas multe pli malfacila. Polemika apologia propagandado — se ĝi estus ebla — estus ne nur malutila, sed ĝi estus la rekta neebligo de ĉiu alproksimiĝa agado inter la du desigitaj eklezioj. Per argumentoj pri dogmaj diferencoj oni atingos nenion, almenaŭ ne je la komenco. Nuntempe tio estus des pli malfacile, ĉar la popolo ankaŭ spirite estas revoluciigita.

La unika ĝusta vojo ŝajnas al ni la karita helpo precipe per ordenoj kaj specialaj misioj. Se estas eble atingi favorajn kondiĉojn por pure karita agado, per ĉiuj iloj oni devus realigi tion. (Intertempe la Vatikano jam sukcesis kaj tri specialaj grupoj laboras tiurilate en Rusujo. L. R.) Eĉ laikoj tie povus fari utilegajn servojn precipe ankaŭ fraŭlinoj. Komprenebie estus necese, iomete kompreni la rusan lingvon.

Tuj oni povus labori sur religia teritorio en Ukrajino, sed tio nur per la unuigita greko-katolika eklezio, ĉar la problemo de la liturgio estas esenca por la popolmasoj. La ruso, kiu aliĝas al la latinrita eklezio, restas ĉiam escepto. Ĉe la popolmasoj tio preskaŭ neniam okazos; tie la latina lingvo estas netransirebla muro inter katolika kaj pravoslava eklezio.

Sendube la tasko estas malfacilega kaj estus erare kaj malĝuste atendi tro granajn baldaŭajn sukcesojn. Plej diligenta preparo kaj pripensado de ĉiuj problemoj kaj taskoj estos necesaj, ĉar oni ne plu povus korekti kaj rebonigi la unuajn erarajn paŝojn. Proselitismo, pridogmaj polemikoj estus la neniigo de ĉiu sukceso. La unika nuntempe ebla laboro estas per karita helpo kaj disvastigo de kristanaj ideoj subteni la moralan plialtigon de la tuta rusa vivo. La disĉiplo de la krista karito, kiu restante dum pli longa tempo trovus la internan kunsentiĝon kun la animo de l' rusa popolo kaj povus pacience atendi, post kelke da jaroj trovus la ĝustan vojon.

## Dua internacia demokrata kongreso.

Ĉiuj landoj de Eŭropo ĝemadas senescepte sub la mizero de „paco", kiu ne estas pli ol la daŭrigo de l' milito per aliaj iloj. Universala estas la konvinko ĉe ĉiuj, kiuj ne nur rezignite atendas la venontan militon (aŭ, kio estas la sama, la finon de l' Eŭropo), ke necesegas elfundamente denove organizi la politikon por lasthore savi la homaron. Sed pro la nuntempa vere tragika psika situacio de la nacioj de l' Eŭropo, kie ĉiuj satigitaj de melkonfido kaj malamo nur serĉas realigi sian „sacro egoismo", vera politiko de l' savo ne estas pensebla. La ĉefa fundamento de nova politiko Eŭropa alcelante lastele la „Unuigitajn naciojn de Eŭropo", estas le nova homo en Eŭropo, kiu plenigita de sincera pacemeco, estas preta al repaciĝo sur la bazo de objektiva justeco kaj dececo, forigante la politikon de nudaj interesoj kaj abomenante la politikon de l' brutala perforto. Ĉiu unuiĝo de homoj alcelantaj tian celon estas salutinda, kies ajn nomon ĝi portu. Des pli ni ĝojas pri entrepreno, kie katolikoj estas la iniciatantoj.

La „IIa Internacia Demokrata Kongreso", kiu okazis en Vieno de la 26a de septembro ĝis la 1a de oktobro, ne estis kongreso de katolikoj aŭ kristanoj — estis allasataj ĉiuj bonvoluloj serĉantaj la pacon precipe per etikaj kaj edukaj rimedoj — tamen ĝi meritas la nomon de kristana, eĉ katolika kongreso pro la nobla, sincere kristana spirito, kiu plenumis la ĉeestantojn (eĉ liberpensulojn!) kaj pro la universaleco de la ĉeestantaro, kiuj estis alvenintaj el pli ol 20 landoj.

La animo de l' kongreso estis Marc Sangnier, mondkonata kiel kuraĝa franca deputato kaj entuziasmiga oratoro, vera katolika kaj kristano. Oni memoras, ke li gvidis en Francujo la movadon nomitan „Sillon" (sulko), kiu kelkatempe estis malaprobata de eklezia aŭtoritatoj — Marc Sangnier montris ĉe tiu okazo admirindan obeemecon kaj katolikan fidelecon — sed nun sub alia nomo trovis kuraĝigon de l' Sankta Seĝo, precipe pro lia modela agado por la movado de la pacemuloj. Ĝojiga ŝajnas al ni la fakto, ke Marc Sangnier sukcesis unuigi kunbatalantojn el ĉiuj landoj kaj partioj sub la spirita gvidado de katolikoj; estis verŝajne la unua fojo, ke tiuspeca kongreso okazis — regule ni katolikoj ĝis nun ne estis la „antaŭgvardio", sed la „postgvardio" en la porpaca movado. Ni esperas, ke la bona ekzemplo trovu imitantojn!

La kongreso okupis sin per raportoj pri la porpaca kaj demokrata movado en ĉiuj landoj kaj la priparolado de ĉiaj edukaj rimedoj, klopodoj, movadoj k. t. p., kiuj povas subfundamenti la pacon tutmondan kaj daŭran.

Ĉar la „Internacio katolika" laŭpolitike estas neŭtrala, akceptanta kaj apoganta senpartiĉ ĉiajn direktojn en la katolikaro, ĝi ne povas esti membro de la internacia demokrata movado de Marc Sangnier, tamen ĝi ĝojas pri la pacemeco de ĉi tiu movado kaj kuraĝigas laŭforte la bonajn katolikajn intencojn de la franca deputato. Ni estis reprezentataj ĉe la kongreso per la deputato prelato Giesswein, la ĉefsekretario K. Mayr; povis paroladi kaj la subsigninta, kiu speciale raportis aplaŭdite de la ĉeestantaro pri la klopodoj de Ika. Aparta kunveno de la katolikaj pastroj (ĉeestis ĉe la kongreso pli ol 20 el diversaj landoj) pritraktis la internacian kunlaboradon de la katolikaro kaj unuanime salutis nian Ika'on.

La kongreso montris preskaŭ senescepte sinceran pacemecon ĉe rondoj ĉiulandaj, certe ĝojiga fakto. Se la delegitoj laŭforte laboros en siaj landoj por universaligi la spiriton de la kongreso kaj ties iniciantanto, la fruktoj por la homaro ne mankos.

Pli severa gvidado de la prezidanteco kaj pli preciza tagordo espereble malebligos en sekvontaj kongresoj la trolongajn nelaŭprogramajn paroladojn, kiuj iomete malhelpis praktikajn sukcesojn de l' kongreso.

Dr. M. J. Metzger,
ĉefdirektoro de IKAC.

## Temoj proponitaj.

Sub tiu ĉi rubriko de tempo al tempo aperos listo de temoj aktualaj kaj ni petas niajn kunlaborantojn, sendi por K. M. originalajn artikolojn ne tro longajn pri tiuj aŭ similaj temoj.

**A. Temoj ĝeneralaj.**

1. La internacia situacio de la katolikaro en la nuna tempo.
2. La situacio de l' eklezio en mia ŝtato; ĝenerala situacio; malhelpaĵoj; specialaj taskoj aŭ problemoj solvotaj; la organiza vivo, la gazetara, lerneja problemoj, sociaj kaj karitaj institucioj, statistikoj ktp.
3. La ĉefoj taskoj de l' eklezio en nuna tempo (ekz. por la karita, socia, religia, porpaca ktp. kampoj).
4. L' eklezio kaj la problemo de l' socialismo; de l' komunismo; la limoj de la privata posedajo laŭ kristanaj principoj.
5. L' eklezio kaj la kapitalismo; la historiaj radikoj de l' kapitalismo; la malpermeso de l' rentumo dum la mezepoka ekonomia periodo; la komunismo de la unuaj kristanaj kumunumoj.
6. L' eklezio kaj la framasonaro. Ĉu la framasonare fakte estas tiel danĝera organizo internacia aŭ ĉu tiu danĝero nur ekzistas en la fantasiemaj kapoj de kelkaj ideologoj? La historia evoluo de la framasonaro; autentikaj atestoj; statistikoj pri evoluo kaj desvastigo. (Daŭrigota.)

## El la kristana vivo internacia.

Tuteŭropa kongreso de l' „evangeliaj" eklezioj en Eŭropo: Estas famkonata fakto, ke la tiel nomitaj „evangeliaj" eklezioj, forta branĉo de la pluraj konfesioj naskiĝintaj el la granda „reformacio" en la nordorienta Eŭropo, havas gravan influon. En septembro de tiu ĉi jaro nun ĉiuj eŭropaj sekcioj aranĝis kongreson en München, Germanujo, kie oni decidis la tuteŭropan kunligiĝon de la evangeliaj eklezioj. La movado estas precipe iniciata per la famkonata norvega ĉefepiskopo Dro Svederbloom de Upsala kaj montras vere paceman karakteron. Ĉar la movado havas sekciojn en preskaŭ ĉiuj eŭropaj ŝtatoj, l' agado kaj influo estos konsiderindaj.

Religia tuthomara unuiĝo. La protestanta teologia profesoro Dro Otto, en Marburg, Germanujo, direktas alvokon al ĉiuj bonvoluloj por krei tuthomaran ligon religian por plibonigi la nunan malfeliĉan situacion de l' mondo. Li volas ekveki la „internacian" kristanan mondkonscriencon; li volas kunligi ĉiujn bonvolajn kaj radikalajn kristanojn por formi novan modkonscriencon laŭ amo kaj justeco de Jesuo.

Kiel praktikajn celojn li proponas, ne dissolvi la ekzistantajn religiojn aŭ eble krei ĝeneralan „Esperanto-religion" (Esperantismo!), sed ebligi praktikan kunhelpon:

a) por krei religian „parlamenton", kie kunvenus ĉiuj plej religiaj gvidantoj por pristudi la urĝajn nunajn problemojn kaj vere kristana amo kaj justeco.

b) per edukado disvastigi tiujn ideon kaj formi tiamaniere vere religian (ne politikan) mondkonsciencon. La iniciantoj sin mem nomas „radikalaj Jesuanoj".

Se frukto de la tutmonda milito estus pli ĝenerala vigliĝo de l' kristana pacema mondkonscienco, estus feliĉa sukceso. Ke ni katolikoj komprenu kiel „radikalaj Jesu-anoj" la signojn de l' tempo!

Internacia kongreso de la katolikaj laboristoj. Lasthore ni ricevas la sciigon, ke en monato de novembro en Konstanz ĉe Bodensee, Germ., okazos internacia kongreso de katolikaj laboristoj por pritrakti la problemon de internacia kunligiĝo de la laboristaro katolika. Vere necesega kaj salutinda paŝo!

Argus.

## Libera tribuno.

**Al mia karega grumblantemulo.**

Karegulo!

Via lasta freŝa letero trafis mian koron ĝis la plej ruĝega kerno kaj vi certe permesos, ke mi respondu tiel varmbuŝe kaj senĝenkore, kiel vi skribis al mi.

Karegulo! Viaj ideoj estas eminentegaj, kaj, se mi estus grandulo, ĝojege mi vin promocius al unuagranda doktoro de eminentaj ideoj. Sed vi certe permesos, ke mi estu iometete pesimista. Mi ja tute ne volas demandi vin, karegulo, ĉu eble **vi jam** komencis realigi viajn proponojn; ĉi **vi jam** gajnis almenaŭ **unu** novan aboninton por tiu ĉi kolekto? Karegulo! Diru, al mi mallaŭtege la tutan veron! Mi povas silenti kiel la tombo! Mi diras ĝin al neniu buŝo en la mondo, ke vi mem devas respondi al mi: paciencon, karegulo! M o r g a ŭ mi tuj komencos! — — Ho, tiu „m o r g a ŭ" kondukas al la ruino! —

Sed eble vi interesiĝas iomete pri la misteraj sekretaĵoj de l' redakcio. Aŭdu, karegulo! Estas matenfrue. La poŝtisto venas kun pakaĵo: leteroj, poŝtkartoj, interŝanĝekzempleroj ktp. Nun legu: „Kiam finiĝas mia abono"? Kompreneble mia kara amiko forgesis tion. Nun oni devas serĉi en la kontrollisto, oni devas skribi poŝtkarton, alfrankigi kaj forsendi ĝin. Kiom da tempo kaj mono forŝtelis nia forgesemulo. Alia: „kioma estas la abonprezo por tiu kolekto"? Nia amiko kompreneble ne vidis la prezojn en ĉiu numero! Oni devas skribi poŝtkarton. Alia plendas, ke la formato ne estas ĝusta — migras en la paperujon. Ĉar oni devus je ĉiu numero ŝanĝi la formaton. Alia furioze skribas: neniam plu mi abonos K. M. La enhavo estas tro „pia". Ŝajne vi ĉiuj estas pietistoj ! — — Alia: kie restas K. M. 3; tiu neregula sendado estas vere skandalo! — Kvietiĝu, kara amiko! Dum tri semajnoj strikas la kompostistoj kaj bedaŭrinde la malfeliĉa redaktoro ne povas per la fingroj presi la numerojn. — Fine, fine venas letero kun artikolo. Bone, bonege! Sufiĉe longa, jes! Migras en la mapon: „ĉefaj artikoloj" Sed post 4 semajnoj nova kolerega letero: Kial vi ne publikigas mian artikolon! Neniam plu mi sendos raporton! — Venas poetemulo; modeste, modestege li demandas: ĉu vi eble estus preta publikigi miajn versojn en K. M. — — Kara amiko; mi multege ŝatas vian poezion, sed bedaŭrinde — —

Tio nur estas kelkaj „dolĉaĵoj" de l' redaktoro. Restas multege da aliaj. La kontrolo, la financa kalkulo, la fikzado de l' abonprezoj, la anoncoj. Jes la kontrolo! Karegulo, mi estas konvinkita, ke la memoro de l' homo estas mallongega kaj la forgesemo longegega —, ĉefe rilate al enpago de abonprezoj. Pruvo: pli ol la duono de l' abonintoj forgesas ensendi la monon. Oni devas kontroli, admoni, admonegi, peti, skribi . . . kiam da tempo kaj mono forŝtelas vi, forgesemuloj!?

Sed aŭdu, karegulo, kaj miregu! La redaktoro ne estas redaktoro. Laŭprofesie li havos tute alian oficon. Kaj tamen tiu ĉi malredaktoro estas ĉio: ne nur redaktoro, sed samtempe korektanto, administranto, kontrolanto, finanministro, papirkomercisto, kritikisto, verkisto — — ĉu tio sufiĉas? Kaj por tiu tuta laboro li ricevas pomonete — nenion, **absolute nenion**? Ĉu tio sufiĉas?

Tiu mirakio estas tre simpla afero. Vidu la preskostojn de la lastaj tri numeroj:

| | | |
|---|---|---|
| Nro 2 a | 780.000 | aŭ. Kr. |
| Nro 3 a | 1,240.000 | aŭ. Kr. |
| Nro 4 a | 1,700.000 | aŭ. Kr. |

Ĉu tio sufiĉas? La puraj elspezoj por 4 a numero estas:

| | | |
|---|---|---|
| papero | 200.000 | aŭ. Kr. |
| presigo | 1,700.000 | aŭ. Kr. |
| forsendkostoj | 180.000 | aŭ. Kr. |
| entute | 2,080.000 | aŭ. Kr. |

Do la elspezoj por kolekto de 10 numeroj laŭ la nuna aŭstra valuto: 20,000.000 aŭ. Kr. Al tio alkakulu la grandajn elspezojn por korespondado, propagando, librotenado, kontrolo, admono, kartoteko, kaj vi eble komprenos la situacion. Ĉu tio sufiĉas, karegulo? Mi finas dirante: foriru kaj peku neniam plu, sed plenumu vian devon! Via redaktoro.

## Internacia poŝto.

**Sro M. Ĉeo.** K. M. estas peresperanta gazeto kaj pro tio ne miksas sin en la diskutado inter „io" kaj „ujo". Ni persone preferus la pli belsonan „io" aŭ „lando". Sed neniu povas esti dubo, ke ujo estus pli laŭfundamenta kaj ke pli granda disciplino estus dezirinda. Sed hodiaŭ eĉ la oficialaj komunikoj kaj gazeto de UEA uzas „lon" kaj ŝajnas, ke pro maldisciplina kutimo enradikiĝos „i o".

**Sro P. Germ.** kaj multaj aliaj. Se vi opinias, ke la nuna prezo por Germ. estas tro alta, vi multe evaras. Pensu, ke laŭ la hodiaŭa stato de la germ. marko aŭstrolandano pagas pli multe ol la duoblon, vi komprenos la situacion kaj nova prezo por Germ. estos fiksata, kiam la germana marko haltiĝos kiel nun la aŭstra krono.

**Sro H. Angl.** Vi ĝuste plendas, ke vi devas pagi multe pli altan prezon ol aliandanoj. Jes, bedaŭrinde tio estas vera kaj ni klopodegas, iomete egaligi la prezojn laŭ fakta valoro. Sed nuntempe tio estas neebla. Komence de 3 a kolekto ni starigos tute novan sistemon, fiksante prezon en **o r a** mono kaj kalkulante ĉiam la laŭprocentajn parton por mezvalutaj kaj malaltvalutaj landoj. Sed iomete la katolika amo devas kunhelpi por forigi la nunan krison, kaŭzitan per la ruino de germ. marko.

## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 **v o r t o j** egalas la prezon de 5 **n u m e r o j** (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

— — — — — — — — — — — — — — — — — — —

Sro J. **Ü b l e i s**, Linz, Herrenstr. 26, deziras interŝanĝi PM. kun Nederlando, Portugalio, Hispanio.

Francisko **P e t r a i t i s**, Jurbarkas, Jokubaičiai Litovnjo, deziras korespondadi kun ĉiulandaj katolikoj pri diversaj temoj, kaj interŝanĝi Esp. gazetojn. Mi ĉiam kaj certe respondos.

Jan **V a s i l e d s k i**, Volbs, Czestochowa, ul. Wielunska 16, Polujo, deziras korespondadi kun gesamideanoj per P. J.

Sro Franz **H ö r e t s a u e r**, Wien, XV., Grimmg. 25/15, deziras korespondadi kun samideoj el ĉiuj landoj. Ĉiam certe respondas.

**H e j m o** (tuta pensiono) por gefremduloj (4 fr. sv. ĉiutage) ĉe Pro **K o l l e r** en Unter-Nall (Retz), Aŭstrujo.

Interŝanĝo de PM, PK k. papermono kun ĉiuj landoj. Elsendo de belegaj elektoj al ĉiuj kolektantoj. Postulu niajn senpagajn prezareton kaj prospekton. Internacia Klubo Filatelista „Oriento", skrytka poczt. No 110, **W i l n o** (Pollando).

Frant **B u h r**, bankoficisto, Praha-Břevnov 257, Ĉeĥosl., deziras interŝanĝi il. kartoj kaj korespondadi pri katolika movado en Ĉeĥoslovakujo.

Frant **L i s ý** en Kladno, Stulcova 109, Bohem.,Ĉeĥosl., deziras korespondadi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn el ĉiuj landoj.

S. **T i j u n a i t i s**, gvidanto de katolika geinstruista unuiĝo en Litovujo kaj kunredaktoro de organo de tiu ĉi unuiĝo „Lietuvos Mokykla" (t. e. Lernejo de Litovujo), deziras korespondadi per leteroj kun la samcelanoj pri alilanda katolika instruista organiza vivo kaj popolinstruadaj aferoj kun celo ricevitajn sciigojn aperigi en litova instruista preso kaj komenci interkomunikon kun alilandaj organizoj geinstruistaj katolikaj por alproksimigi k. t. p. Adreso: S. Tijunaitis, **K a u n a s**, Lukŝiog. 11. Lietuva, Litovujo.

Ĉiuj samreligianoj, kiuj sendos ĉ. 30—50 poŝtmarkojn maloftajn de sia lando, certe ricevos same tiom da belaj hungaraj poŝtmarkoj. **P o p p Z o l t a n**, Miskolcz, Szentpéteri kapu 29/a, Hungario.

Kiu kunhelpos konstrui preĝejon en la vilaĝo Wisterschan apud Teplitz-Schönaŭ, Ĉeĥosl. Por monsendu akceptu nian antaŭdankon. Theodoro **H e l s e r h o l t**, katehisto, Teplitz-Schönaŭ.

Sro Emil **P f o h l** en Arnaŭ, Bohemujo (Ĉeĥoslovakujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj ĉiuj landaj. Mi ankaŭ kolektas bildkartojn kaj poŝtmarkojn; respondon certe.

Sro A. **M a r i n o v i č**, VI., zandarm. brigade Split, Dalmacija (Jugoslavujo) deziras korespondi kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj.





## Atentu! Novaj abonprezoj!

La daŭra senvaloriĝo de aŭstra, germana ktp. valutoj postulas plialtigon de abonprezoj por la koncernaj landoj; alie dangeriĝus daŭra apero de K. M. La kondiĉojn altvalutaj abonintoj ni klopodas plibonigi laŭpove: La prezoj por dua kolekto (11—20) estas jenaj:

**A l t v a l u t a j ŝ t a t o j**: Svisujo, Hispanujo, Anglujo kaj similvalutaj ŝtatoj: 4 fr., p., ŝ., ktp. Usono kaj s. v. ŝt.: 1 d.

Kiu mendas al unu sama adreso 5 (10) kolektojn, ricevas 1 (2) kolekton senkoste. Kiu varbas almenaŭ 5 novajn abonontojn ricevas unu kolekton senkoste. Abonontoj en Hispanujo aŭ aliaj ŝtatoj, kie malgrandaj bankbiletoj ne ekzistas, povas pagi per frankoj aŭ similvalutaj monoj.

**M e z v a l u t a j ŝ t a t o j**: Francujo, Belgujo kaj s. v. ŝt.: 5 fr.; Italujo: 6 l.; Ĉeĥoslovakujo, Jugoslavujo: 10 ĉ. K., din.; Romanujo: 20 lev.

Kiu mendas 10 (20) kolektojn por unu sama adreso ricevas 1 (2) kolekton senkoste. Kiu varbas almenaŭ 15 novajn abonontojn, ricevas unu kolekton senkoste.

**M a l a l t v a l u t a j ŝ t a t o j**: Germanujo, Baltikaj ŝtatoj: 100 g. M.; Polujo: 500 p. M.; Hungaruoj: 300 h. K.; Aŭstrujo: 3000 aŭ. Kr.

Kiu mendas 30 kolektojn por unu sama adreso aŭ varbas almenaŭ 25 novajn abonontojn, ricevas unu kolekton senpage.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per **n a c i a j b a n k b i l e t o j** de la propra lando al **K a t o l i k a M o n d o**, Graz, **K a r m e l i t e r p l a t z 5**, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Verlag Volksheil Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni postulu poŝtpagilojn de l' eldonejo.

**Oni ne pagu per poŝtavizoj!!**



## KONGRESRAPORTOJ

**Luksemburga kongreso:** franca kaj germana raportoj, broŝuritaj, granda formato, 28 paĝoj: 1a eldono (bonpapera) 0, 25 s. fr.; 2a eldono 0, 15 s. fr.

**Graz'aj konferencoj:** malgrandeta restaĵo de **l a t i n l i n g v a j** raportoj estos ankoraŭ vendata. Grava por la historio de Ika! Prezo: 0,20 sv. fr.

**Por aliaj ŝtatoj proporcie laŭ abonprezo de K. M.**

**IKA, GRAZ, KARMELITERPLATZ 5 (AŬSTR.)**









Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Graz, Karmeliterplatz 5. — Responda Redaktoro: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterplatz 5.
Druck: Heinrich Stiasny, Graz.